# Aŭstraliaj  Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**




**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 26/10/2017 Tricent- kvardekkvina eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*Freelang Vortaro* * *Plena Ilustrita Vortaro* * *Esperanta Retradio* * *Google Translate* * *Pasintaj eldonoj* *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



Ekstudis pli ol **1,070,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015) https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

Ankaŭ ekstudis pli ol **232,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

**Ĝis nun 1,300,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**



# La gramatikaj (lingvaj) kategorioj. M.



"Konjunkcio estas vorto kiu, aldonante sian signifon, adicie ligas sekvantan vorton aŭ esprimon al alia samvalora vorto aŭ esprimo, ekz. "la hundo kaj ĝia mastro" (kie "ĝia mastro", la sekvanta vorto, ligiĝas per la konjunkcio "kaj" al "la hundo", kiu estas samvalora vorto ĉar ambaŭ ne dependas per prepozicio unu de la alia. Same la infinitivoj en "Naĝi en la maro aŭ piedpilkumi sur la marbordo". Aŭ ĝi ligas, adicie, tutan propozicion al alia, sendependa, propozicio, ekz. en "Ni preferis naĝi kaj ili decidis piedpilkumi".

Subjunkcio estas vorto kiu, aldonante sian signifon, ligas subordan propozicion al sia ĉefpropozicio. Ekz. "Ni manĝos, kiam ni finos la laboron", kaj "**Se** vi volas naĝi, mi ne kontraŭos tion", kaj "**Ke** li foriris, ĉagrenigis ĉiujn". Pluraj pronomoj kaj adverboj funkcias kiel subjunkcioj, ekz. "Ni elektis tiun**, kiun** ni plej fidis", kaj "Mi ne scias, **kie** li loĝas", kaj "Mi ne scias, **kiun** mi elektos". Krome ne malofte la subjunkcio "**ke**" rilatas al ĉeffraza neŭtrala prepozitivo kiel ekz. "Ni foriris malgraŭ (tio) **ke** pluvis", kaj "Frue revenu por (tio) ke vi ne maltrafu la vespermanĝon". (daŭrigota) *Marcel Leereveld*.



*Novaĵoj pri la ekzisto kaj agoj de Esperanto-kluboj videblas nur se oni raportas al AE. Roger S*



# Marcel en ESK (vidu AE344)




La retadreson por sendu artikolojn al la AEA gazeto "Esperanto Sub la Suda Kruco'' Esk2@esperanto.org.au





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 21an de Oktobro estis la tria sabato. Venis Roger, Chris, Ian, John, kaj Eunice.



*Novaĵoj pri la ekzisto kaj agoj de Esperanto-klubojn videblas nur se oni raportas al AE. Roger S*



# El Adelajdo

# Tutmonda Filmoprezenta Tago






Dimanĉe, la 22-an de Oktobro, estis tutmonda filmoprezenta tago. Kadre de ĝi Benno Lang invitis la adelajdajn esperantistojn al sia hejmo por spekti la filmon "Plena Rondo" - pri Esperanto, lingvoj kaj lingva egaleco.

Ni ĝuis kaj la filmon kaj la kuketojn, kiujn nia gastiganto preparis por ni.

*Katja Steele*



# La Placo de Virino




Miaj kunpiedirantinoj kaj mi decidis profiti de la ebleco vojaĝi senpage ofertita de la ŝtato Viktorio kadre de la Semajno de la Maljunuloj. Ni iris al Geelong kaj promenis laŭlonge de la rivero Banwon.

Neatendite ni atingis la placon de Virinoj. Ĝi estas loko, kie la virinoj povas trankvile sidi kaj babili. Ĝi estas ornamita de mozaikoj kun simboloj de diversaj kulturoj aŭ tre famaj kiel *Yin* kaj *Yang* aŭ ne tre konataj kiel tiuj de la runoj. En la mezo cirklo de grandaj ŝtonoj memorigas pri antikva kutimo starigi ŝtonojn. Virinoj elektis tiun lokon jam en 1996 por la viktimoj de hejma perforto. Interesa iniciato, tre bezonata de virinoj, kiuj serĉas serenecon post traŭmo. Bedaŭrinde estas ke tro da virinoj spertis hejman perforton .





Franciska Toubale



# KROMO PRI LA PREPOZICIO " DE ".



Malposte ni konstatis, ke en Esperanto, pro Zamenhof, la prepozicio "de" havas kvar tute malsamajn signifojn, **1e.** Posedo kaj aparteno kaj rilato, ekz. "La biciklo de la patro", "La varmeco de la amikeco", "La konsekvencoj de la akcidento", kaj "Longeco de du metroj"; **2e**. La aganto (subjekto) de antaŭa substantivo elverba, ekz. "La dormado de la infaneto"; **3e**. La gramatika objekto de antaŭa substantivo elverba, ekz. "La disdonado de la donacoj"; kaj **4e.** La foriĝo el antaŭa situacio, ekz. "La transiro de Buda al Peŝto" kaj "La reveno de Ateno".

Estas komprenebla, ke tiuj kvar signifoj povas kaŭzi miskomprenojn. Tio okazas ankaŭ en eŭropaj lingvoj, en kiuj ekzistas simila, kvankam malplia, plursignifeco. La angla lingvo havas nur unu problemeton pri "de", ĉar ĝi havas specialan vorton por kazo 2), nome *"by",* kaj por kazo 4) la vorton *"from",* kaj ofte por kazo 1) la t.n. genitivon *("My father's bicycle").* Ĉe miskompreneblo la eŭropaj lingvoj devas aliformi siajn frazojn aŭ aldoni ekstrajn vortojn klarigajn. En Esperanto oni ne devas fari tion, ĉar ĝi devas esti logika kaj klarsenca. Se ekzistas du- aŭ trisenceco ĉe "de", ni havas specialajn prepoziciaĵojn. Tiuj estas "ate de" por kazo 2), "ante al" por kazo 3), kaj "el" aŭ "for el" aŭ "for de" aŭ "el de" por kazo 4).

Por kazo 4) ne necesas uzi la alternativojn en ekzemploj kiaj "La vojaĝo de Romo al Venecio", "La ŝanĝiĝo de raŭpo al papilio", "Ŝia foresto de la laboro", "La rekta elsendo de la radiostacio", "Ĝia malapero de la surfaco", "La festo de la kvina horo ĝis la deka", "Ĝia pliboniĝo de tiu momento nunen", kaj "De nun mi ne plu drinkos". Sed en la sekvantaj ekzemploj la specialaj prepoziciaĵoj necesas. Rigardu la jenajn: "La retroveno el de Noum'ea", kie mi retrovenas el tiu urbo, kaj "La retroveno ate de Noum'ea", kie tiu urbo retrovenas al sia antaŭa turismograveco. Same pri "La festo el de la mateno" kaj "La festo de la mateno", kaj "La veturado el de mia onklo" kaj "La veturado ate de mia onklo", kaj "La malapero for de la luno" kaj "La malapero ate de la luno", kaj "La pliboniĝo el de tiu periodo" kaj "La pliboniĝo ate de tiu periodo", kaj "La retroveno el de la gepatroj" kaj "La retroveno ate de la gepatroj", kaj "La forpreno el de la infano" kaj "La forpreno ate de la infano" kaj "La forpreno ante al la infano", kaj "La pentraĵo el de la vendisto" kaj "La pentraĵo ate de la vendisto" kaj "La pentraĵo ante la vendiston", kaj "La trankvilo el antaŭ unu horo" kaj "La trankvilo de antaŭ unu horo", kaj "La varoj el la butiko" kaj "La varoj de la butiko", kaj "La akcepto el de la urbestro" kaj "La akcepto ate de la urbestro" kaj "La akcepto ante la urbestron", kaj "La ĉaso ate de la birdo el de la nesto" kaj "La ĉaso ante al la birdo el de la nesto". En ĉiuj ĉi supraj kazoj la nura "de" kaŭzus miskomprenon.

Notu ke "al en la nesto" = "al situacio en la nesto" kaj ke "el de la knabino" = "el situacio kie io apartenas al la knabino". Notu ankaŭ "La poemoj venantaj el de la knabino" (el ŝia posedo) kontraŭ "La poemoj ate de la knabino", kaj "La poemoj el ĉe la knabino", kie la poemoj ne bezonas aparteni al ŝi.

*Marcel Leereveld.*



# KOREKTAJ PETOJ.



En n.ro 343 de A.E. sur paĝo 1 en la artikolo "La Gramatikaj Kategorioj.K." du vortoj (ĝi + si) elfalis, (aŭ neniam eniris). En la unua linio legu: "La adjektivaj pronomoj estas "mia, cia, lia, ŝia, ĝia, onia, nia, via, ilia, kaj sia", kiuj estas faritaj," k.t.p. *Marcel Leereveld.*



# KLARIGA RESPONDO AL FRANCISKA.

**Unue:** Se ĉio = 100%, ankaŭ ĉiu = 100%, sed tamen oni uzas "'ciuj".

**Due:** "io" = unu certa afero. Povas esti "Io blokas la elfluejon". Se estas pli da blokantaj aferoj, ili estas "ioj".

**Trie:** "ĉio" NE signifas "ĉio en la mondo", sed iu "ĉio" priparolata. Ekzemple: Li kontrolas, ĉu estas problemo en la pluraj klasoj de sia lernejo. En ĉiu klaso ĉio estas en ordo. Do li raportas. ke en la tuta lernejo ĉioj estas en ordo.

Mi persone neniam uzas "ĉioj", kaj tre malofte "tioj", se mi trovas tion necesa. Cetere la lingvo ne priskribas la realon, sed nur tion kio estas en onia menso. Ekzemple "Se mi estus ....." ne estas la realeco de la lingvo, sed la realeco de mia imago. Cia frazo pri irado al la kineo kune kun mortinta amikino tamen estas akceptebla ĉar komprenebla kiel figura lingvo, t.e. ŝi estis kun mi en miaj pensoj. Do ioj en cia rezonado ne estis en ordo.

Ree: "tioj" kaj "ĉioj" estas gramatike eblaj KAJ ankaŭ sence eblaj, sed tiu reala ebleco de pluraloj havas nenian rilaton kun sencaj neebloj, kiaj "tablino" kaj "boarbo". *Marcel Leereveld.*



# Semajna raporto de Melburno



La melburna klubo ne kunvenis pasintan semajnon ĉar diversaj membroj vojaĝis al diversaj lokoj. Tamen ĉio renormaliĝos ĉi-semajne, kun ludvespero kaj dimanĉa kaj lunda kunvenoj. Por plenaj detaloj, vizitu https://www.meetup.com/Melbourne-Esperanto-Meetups/

*Joanne Johns*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

## Nun AE kopias la tutan libreton iom post iom ĝis la fino.

## Bona rakonto kaj bona Esperanto. Ĉapitro 3. En la punlaborejo (5a ero)



Rakontis al mi la flegistinoj, ke tiu kuracisto estis nazio dum la milito, kaj ke li iam operaciis malgrandan knabon pro cekumito en unu el la danaj frenezulejoj. Li tute ne anestezis la kompatinduleton, ĉar li deziris vidi, ĉu eblas operacii senanesteze. Ĉar li estis kuracisto, neniu rajtis plendi pri li !

Do, la flegistinoj bandaĝis min kaj iom post iom gipso kovris miajn brakon kaj manon, sed la trasegita fingro elstaris kiel dolora fingro, kia ĝi ja fakte estis !

Nun estis mia devo ekzerci la fingron ĝis ĝi ree povos fleksiĝi. Ĉiam, kiam mi provis, doloris, eĉ doloregis.

Unu el la samsortanoj en la labortendaro havis ĝemelon. Krom tio li havis ankaŭ tondilon kaj kombilon, ĉar li estis ankaŭ hartondisto. Li estis ankaŭ razisto, sed multaj el ni preferis havi barbon, almenaŭ dum la restado en la punlaborejo. Sed ne nur tion, li havis ankaŭ mandolinbanĝon. Mi petis lin, ĉu mi povas pruntepreni lian mandolinbanĝon dum mi ankoraŭ estas en la tendaro.

"Jes kompreneble", diris la bonulo, kaj donis ĝin al mi. Post tiam mi ĉiutage ludis la mandolinbanĝon, kaj iom post iom mia maldekstra montrofingro kvazaŭ per si mem fleksis sin sur la kordojn. Sen tiu banĝo mia fingro estus ankoraŭ hodiaŭ rigida.

La dana registaro ne estas asekurita. Ĝi preferas mem pagi kompensojn, ĉar ĝi povas ja ĉiam havi monon, ĉu ne ? Ĝi bezonas nur postuli pli da impostoj de la laboristoj. Sed ĝi rifuzis pagi kompenson al mi, ĉar temis nur pri fingro sur la maldekstra mano, kaj kvankam ĝi estas la montrofingro, mi ne rajtis je kompenso.

Mi ŝatus scii, kion ili respondus al violonisto, se tio sama okazus al li. Mi estis nur amatora mandolinisto, kaj tiajn homojn oni evidente ne pagas !

Tial mi estis devigita montri al la registaro mian abomenon, ĉu ne ? Mi rifuzis plian lernadon de la angla lingvo. Min interesis nur Esperanto, kaj mia punlaboro estis preskaŭ finita.

La lastan semajnon de mia punado okazis Universala Kongreso de Esperanto en Kopenhago. Tio estis en 1956. Ĉu mi ne ĉeestu ? Certe ! Sed kiel ?

Mi demandis la tendarestron, ĉar li reprezentis la registaron, kaj iam li mem provis lerni Esperanton, bedaŭrinde sensukcese, ĉar li ne havis min kiel instruiston !

Li petis la registaron en Kopenhago, sed ili daŭre postulis, ke mi laboru kaj lernu, kion mi kompreneble rifuzis pro la akcidento, kiu okazis al mi. Tiam fine, ĉion konsiderinte, li proponis, ke se mi akceptos bicikle liveri kelkajn fragojn al aĉetintoj, mi povos liberiĝi la tutan kongresan semajnon. Tion mi facile povis akcepti, kaj ankaŭ mi prenis parton en la Universala Kongreso en Kopenhago.

Dum la kongreso loĝis ĉe mi en mia kopenhaga loĝejeto ĵurnalisto sveda, laboristo orientgermana, ĵazmuzikisto okcidentgermana, fakte la frato Frank de profesoro Reinhard Selten, kiun mi renkontis en Frankfurto, kaj kies patrinon mi vizitis en Aschaffenburg. Loĝis ĉe mi ankaŭ Bryan, londona buskonduktoro. Indas mencii, ke mia loĝejeto konsistis el nur unu ĉambreto kun fenestro kaj forno. Estis akvokrano ekstere en la koridoro, kaj la necesejo troviĝis kvin etaĝojn sube en la korto.

Mi reiris al la punlaborejo kaj pasigis nur unu nokton tie. Post tiam mi estis libera. Antaŭ ol foriri mi volis adiaŭi la labortendarestron, sed li tiun tagon estis for. Evidente ktp. li ne deziris plu vidi min ! *Daŭrigota* *Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**3ZZZ** La pinto de la elsendo de la 23a de oktobro 2017 estas intervjuo de juna brazilano, Guilhermo Fians, kiu studas en la universitato de Manchester kaj elektis kiel temon de sia doktoriĝa disertacio la Esperanto-movadon kaj komunumon



informas la kunvokanto *Franciska Toubale*